BULTENO

de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista

Sekretariejo: Ortellusstraat 108/III, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,

JUNIO 1957
Jaro 9a. No.6

## POST RIJEKA

Ĉiujare post finiĝo de nia kongreso mi havis okazon esprimi, en ĉi-tiu loko, miajn plej profundajn impresojn. Mi klopodis objektive mencii erarojn kaj sukcesojn, mankojn kaj celtrafan plenumadon de la taskoj. Kia ajn estis la enhavo de ĉi-tiuj postkongresaj meditadoj, ĉiam la plene merititaj laŭdoj multe superis la maloftajn kritikajn vortojn. Ĉiu sekvinta kongreso ŝajnis ankoraŭ pli perfekta ol la pasinta, ĉar ĉiu nova LKK, avertita de nia sekretario, ĉerpis instruojn el la spertoj de antaŭaj organizintoj. Tiel ĉiam pli glora fariĝis nia ĉiujara interfratiga kunesto.

Iom post iom niaj kongresoj atingis tian gradon de perfekteco, ke pluraj plibonigoj ŝajnis apenaŭ realigeblaj.

Plene konvinkitaj ke ni jam atingis la zeniton de niaj kapabloj, ni vojaĝis al nia naŭa en Rijeka, kun miksitaj sentoj,ĉar ni aŭdis nur malmulte pri ĝia organizado. Sed ni volis ja esti indulgema, ĉar la nerefuteblaj leĝoj de la logiko ne permesas ĉiaman plibonigon.

Tiaj estis niaj pensoj dum la vojaĝo al Rijeka. Kaj nun post finiĝo de la kongreso, ni devas iom honte konfesi, ke ni apenaŭ povas kredi al tio kion ni reale travivis. Ĉar efektive nia naŭa estis por ni unu granda festeno, de la unua ĝis la lasta momento; festeno precipe por nia esperantista animo.

Kia kongreso!!! Kortuŝa akcepto, varmaj simpati-esprimoj de plej altaj eminentuloj, efika propagando, enhavoriĉaj kunsidoj, belegaj ekskursoj, pleninteresaj kulturaj vesperoj, restado inter afabla kaj simpatia popolo, perfekta organizaĵo. Mankas la vortoj por trafe priskribi tion kion ni sentis kaj travivis en ĉi-tiu bela semajno.

Jam en Ljubljana kaptis nin la festa sfero de la kongreso. Dum vagonarŝanĝo renkontiĝis amikoj el plej diversaj anguloj de nia kontinento en la, per dekoj da esperanto-flagetoj ornamita, stacio. Grandaj surskriboj: *Reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*, atentigis la alvenintojn ke ili atingis la kongreslandon. Survoje al Rijeka ni vidis same festan ornamadon ĉe ĉiuj stacidomoj.
Dum ekskurso al Rab la multaj ŝipetoj en la haveno de la insulo portis

la verdan standardon super siaj blankaj veloj, kaj vere kortuŝan propagandon ni travivis en la grotoj de Postojna kie cento da lernejaj infanoj deklamis la plej belajn poemojn de nia majstro, kaj kie iliaj multvoĉaj esperantokantoj eĥois tra la vastaj salonegoj de la groto.

Efikan propagandon efektivigis la lokaj ĵurnaloj *Novi List* kaj *La voce del popolo*,kiuj en ĉiu numero detale raportis pri kunsidoj, ekskursoj kaj distraj okazintaĵoj,laŭ la raportoj de la ĉie ĉeestanta amiko Marinko Givoje.

Radio Zagreb sendis siajn oficistojn,kiuj surbendigis la kongreson por nacilingvaj kaj esperantaj elsendoj.La ilustrita fervoja gazeto *Lokomotiva*kaj la organo de centra komitato de fervojista sindikato *Transport* dediĉis antaŭ kaj post la kongreso multan spacon favore al nia movado.

Okaze de la kongreso aperis 61-paĝa, luksa kongreslibro, ĉarmaj kongresinsigno kaj glumarkoj, aparta dulingva numero de ilustrita monata fakrevuo *Zeleznice* (Fervojoj), kaj esperanto-prospektoj pri la insulo Rab kaj pri Postojna. La poŝtdirekcio prizorgis apartan kongresan stampon. Propagandan valoron havis ankaŭ la vizitoj al urbestroj de Rijeka kaj Rab,kie la invititaj estraroj kaj delegitoj pasigis agrablan horon.

Nia kongreso kun siaj 460 partoprenantoj el 14 landoj renkontis ĉie simpation kaj respekton. Speciale menciinda estas ke partoprenis ĝin ankaŭ la iama prezidanto de la unua fervojista movado,la esperantopioniro kun la juna koro, Stevan Stojniĉ, kaj por la unua fojo,delegitoj el Bulgario, Hungario kaj Polio. Malnova amiko Hugo Steiner reprezentis la Aŭstrian Federacian Fervojon, Sro. Rummel estis la reprezentanto de la Germana Fervojaro, samideano Kovaĉic venis por la Aŭstria Fervojista Sindikato, kaj la kolegoj Agren kaj Bengtson respektive por la sveda sindikato kaj por la sveda fervojo.
Kompreneble ne povis manki la prezidanto de FISAIC, Sro Marcel Mollion, kiu en la fino de la kongreso akcentis sian simpation al nia movado, honorigante per *Ordeno pro Merito* nian IFEF prezidanton Stapel kaj la prezidantino de la jugoslavia fervojista movado, Milica Milisajević.

En la solena malfermo eminentuloj de la fervojo, de la sindikato kaj de la urbo esprimis simpation al nia movado kaj ĝia idealo. Post salutvortoj de la vicprezidanto de LKK Josip Županć parolis tie la ĝenerala direktoro de la jugoslavia fervojo Blagoje Bogavac, la prezidanto de centra komitato de fervojista sindikato Rade Vzćković, la urbestro de distrikto Rijeka, Eduard Jardas, kaj la direktoro de fervoja direkcio Zagreb, Franjo Culjak, kiuj jam per forta morala kaj materia helpo ebligis al LKK la perfektan organizadon de nia manifestacio. Sekvis salutparoloj de la E-pioniroj Stevan Stojnić kaj Hugo Steiner, de la reprezentantoj de fervojoj kaj sindikatoj kaj de la landaj asocioj. La solenan paroladon faris la prezidanto de IFEF Walig Stapel, kiu substrekis ke ĝis nun la fervojistoj ne renkontis tiom da simpatio kaj kunlaboro en siaj kongresoj.

Efektive por ni kongresanoj, granda kaj ĉefa ĝojo estis ke ĝuste en ĉi tiu kongreso reliefis la idea karaktero de nia lingvo, la princi-

po de la verda standardo: frateco kaj justeco inter la popoloj, la nova sento kiu venu en la mondon. En ĉi tiu kongreso kvazaŭ realiĝis iu revo. Ĉi tie montriĝis la nemiskomprenebla volo, detrui la murojn inter la popoloj, evidentiĝis la senkondiĉa kunlaborado en niaj klopodoj por akceli la venkon de Esperanto, por ke fine ĝi povu servi kiel interkomprenilo en la tiom nekomprenema mondo.

Kun ĝojo ni konstatis ke la kongresanoj nur malofte uzis sian nacian lingvon, kaj ni konkludis el tio, ke la landaj organizoj, konforme al la decidoj en Zürich, multe malhelpis la partoprenon al neesperantistoj.
Neforgeseblaj restos en la memoro la ekskursoj al insulo Rab kaj al la famekonataj grotoj de Postojna, kaj nian laŭdon meritas ĉiuj kunlaborantoj kiuj en kulturaj kaj artaj prezentadoj tiom intense ĝuigis nin per siaj popolaj dancoj, kantoj kaj baledoj, ke pro streĉiĝo doloris la okuloj. Fine nian specialan dankon al ĉiuj instancoj kiuj per sia subteno ebligis la organizadon de ĉi tiu grandioza manifestacio, kaj al la sindonema LKK, kiu dum la tuta jaro senlace laboradis por la sukceso de nia kongreso, kaj kiu tiom zorge atentis ĉiujn detalojn.

Vin amikoj ni tutkore dankas,
Per nia kant' salutas ĉiujn vin,
Esperante iam vin revidi.

Ĉu en Danio?! de Jong.

## SOLENA MALFERMO DE LA KONGRESO EN LA NACIA TEATRO

La eminenta L.K.K.-ano D-ro Grapuzzo Ante per kelkaj afablaj vortoj bonvenigis la honorajn gastojn, ĉefestraron, landajn delegitojn kaj la aliajn ceestantojn.

Por la L.K.K. estas granda honoro organizi tiun grandan kongreson. Sendube ni faris erarojn, sed kie oni laboras, oni faras erarojn.
Li esprimis la esperon, ke la vetero post malvarma periodo, estos favora, kaj sciigas ke la kanthoro *Jedinstro* (Unueco), gvidota de la dirigento Boris Pagandopulo, unue kantos la Esperantan himnon * La Espero*. La ĉeestantoj kun admiro por la perfekta elparolo kaj belega esprimo, aŭskultis starante la himnon.

La sekvinta kanto *Plendkanto pro bovido* kaj *Manpleno* entuziasmigis la ĉeestantojn, kaj la ĥoro plene meritis la longdaŭran aplaŭdon.

S-ro Ludoviko Sekeris salutis tutkore la IFEF-estraron, prezidantaron kaj ĉiujn kongresanojn.

Poste parolis en la nomo de la L.K.K. la vic-prezidanto s-ro Josip Županić. La Esperantomovado per sia lingvo kaj ideoj unuigas la homojn el diversaj nacioj. Ĝi akcentas toleremon, pacon kaj reciprokan interkompreniĝon inter nacioj, do principojn laŭ kiuj komencas sin orienti la tuta progresema homaro, pro kio ankaŭ nia 9a internacia kongreso de fervojistoj estas forta esprimo de tiuj pensoj kaj ideoj. Por fervojistoj tio estas komprenebla, ĉar ni estas interligitaj per reloj, kiuj ne konas landlimojn. Ni do klare vidas kaj sentas ke inter nacioj devas regi toleremo, paco kaj interkompreno.

La Jugoslaviaj fervojistoj estas aparte honorigitaj per okazigo de

tiom grava faka manifestacio, kiu certe kontribuos al pli granda reciproka alproksimiĝo de ĉiuj fervojistoj el Eŭropo.

Jam antaŭ jaroj oni inter ni fervojistoj sentis la bezonon de interkompreniĝo, kaj en 1924a la Jugoslavaj fervojistoj transprenis la gvidadon de nia unua internacia fervojista federacio.
Nun, kun laŭdo al la tiamaj pioniroj ni povas esti fieraj pri nia organizo *IFEF*. En nia lando ni ricevas gravan subtenon de la sindikato kiu en 1956 akceptis rezolucion favoran al Esperanto.

Antaŭ la kongreso staras gravaj demandoj pri Bulteno, faka terminaro ktp. Al la delegitoj, kiuj alfluis el 14 diversaj landoj al nia kongresurbo Rijeka ni deziras persistemon en la kongresaj laboroj kaj en efektivigado de akceptitaj proponoj.

Ni Jugoslavaj fervojistoj kaj ĉiuj laborantaj homoj en nia lando salutas vin ĉiujn, kaj deziras al la kongreso sukceson.

Poste parolis la ĝenerala direktoro de la Jugoslavaj Fervojoj s-ro Blagoje Bogavae. Li diris: * La kongreso donu fortan ligon inter la fervojistoj en la tuta mondo. Ĝi alportu al la mondo pacon. La fervojo estas ligilo inter landoj; esperanto estas ligilo inter homoj.Mi deziras sukceson al la kongreso, kaj via restado restos en nia memoro.

S-ro Eduard Jardas, Distrikt- kaj Urbestro de Rijeka salutis la kongreson en la nomo de la enloĝantoj de Rijeka en la socialista lando.
Li bedaŭras ke li ne povas paroli en Esperanto. Li esperas ke la vetero dum la kongressemajno estos tiom bona, ke ni povos ĝui pri ĉirkaŭaĵo kaj povos bani en la Adriatika Maro.

La maljuna pioniro Stevan V.Stojnic, la iama prezidanto de I.A.E.F. esprimis sian ĝojon, ĉar post la ekzisto de la antaŭa organizo de fervojistaj esperantistoj 30 jaroj pasis, kaj li nun estas en la mezo de tiom da fervojistaj esperantistoj. Sed lia celo ankoraŭ ne efektiviĝis, nome la enkonduko de Esperanto en la lernejoj. Li esperas resti sana, por ke ni kune povu tiun rezultaton atingi.

Kortegano Hugo Steiner, direktoro de la Esperanto-muzeo en Vieno, salutis en la nomo de la Aŭstria Federacia Fervojo. La Aŭstria Fervojo subtenas multe nian movadon. Tio jam montriĝis el la favoro dum la feria semajno pasintjare en Vieno. La sekcio intencas inviti la 11-an kongreson en Aŭstrio. Jam okazis interparolo kun la Direkcio, kiu promesis favoron.

S-ro Hartwigg Bengtson kiel reprezentanto de la Sveda Ŝtata Fervojo salutas nome de la Direkcio la kongreson. La pasintjara kongreso kaŭzis ke la Fervojkompanio montris favoron al nia movado.

S-ro Labordus, reprezentanto de la Transport-entrepreno * Van Gend en Loos* *(flankentrepreno de la Nederlanda Fervojaro)* esprimas la esperon ke la kongreso bone suksesos.

S-ro Kovacic,estrarano de la Aŭstria Fervojista Sindikato salutas en la nomo de la Sindikato, kiu plurfoje montris sian simpation por Esperanto. Li ĝojas ke al la kongreso partoprenas tiom da junuloj.

Sekvis salutoj de la landaj asocioj. Por Aŭstrio Burger, kiu bone skizis la signifon de nia internacia organizo.

, Jensen salutis por Danio kaj esprimis la grandan valoron de IFEF

por ni mem kaj por la esperantomovado ĝenerale.

Por la franca sekcio parolis f-ino Lemonnier, kiu ankaŭ transdonas la bondezirojn de la franca esperanto-organizo ĝenerale.

S-ro Giesner por Germanio diras ke la kongreso ĉijare okazas en pli varma lando ol pasintjare, sed kie ajn ni kongresas, ni ĉiam estas en Esperantujo.

D-ro Ŝtefano Báĉkai, ĉefkonsilanto el Budapest salutis en la nomo de la Hungaraj fervojistoj kaj la Hungara konsilantaro.

Gimelli Germano en la nomo de la itala sekcio invitas la ĉeestantojn al la Internacia Konferenco, kiu okazos la 18an de majo en la kadro de la Bulogna Foiro.

F-ino Milica Milisajević salutis en la nomo de la jugoslavia sekcio. Hogendijk en la nomo de FERN (nederlanda sekcio). Kolbreh por Norvegio, Nowamiejski Bruno (80 jara) por la polaj fervojistoj, Ågren en la nomo de la sveda sekcio kaj la sveda fervojista sindikato, Sonderegger por la svisa sekcio.

En la nomo de la Jugoslavia Esperantista Federacio la prezidanto Peter Zlatnar esprimis sian ĝojon povi saluti tiom imponan kongreson. Kredu, ĉiuj jugoslaviaj esperantistoj batalas kun vi por atingi la pacon, li diris.

La malferman paroladon faris la prezidanto de IFEF W. Stapel.
Li bonvenigis ĉiujn ĉeestantojn en nia 9a kongreso en Rijeka. Li dankis kore la L.K.K. kaj ĝiajn helpantojn. Esprimis la esperon ke la kongreso estu grava propagando por nia ideo, kiun la mondo nepre bezonas. Laŭdis la jugoslavianojn rilate la propagandon.
Malgraŭ du mondmilitoj kaj aliaj malhelpoj ni daŭrigu. La politikaj cirkonstancoj ne estas favoraj al nia penado, sed jam nia majstro instruis al ni obstine semi, por ke ni estontece rikoltu.

Inter ni estas samideanoj, kiuj neniam estis en nia mezo. Vigle ni povas imagi, ke ili estas scivolaj pri la agado de IFEF. La plej grava tasko estas la kompilado de fakterminaro fervoja. La laboro estas giganta, sed inter ni troviĝas kunlaborantoj, kiuj donas sian tutan liberan tempon. Tiun taskon nur povas fari fervojistoj, ĉar IFEF estas faka organizo. Tial ni fosu nian propran sulkon.

Grava problemo ankaŭ estas la propono pri estrarŝanĝiĝo. Ni esperu ke ni povos solvi tion en tiu ĉi kongreso.
La penso fari ion por la bono de la homaro donu persiston en nia laboro. Disvastigi Esperanton ja estas agado, kiu povas kontribui al paca solvo de la sociaj problemoj. Estas domago ke ne ciuj volas akcepti nian lingvon, ĉar ĝi klare pruvis sian taŭgecon.
La adeptoj de Esperanto paŝon post paŝo disvastigas nian ideon, kaj per kaj por Esperanto ni laboru por paco kaj interfratiĝo inter la tuta homaro.

raportis Drijfhout.

## RAPORTO DE LA LABORKUNSIDOJ

La prezidanto s-ro Stapel malfermas la kunsidon per kelkaj vortoj, bonvenigas la ĉeestantojn, speciale la amikojn el Bulgario, Hungario kaj Polio, kiuj ne povis antaŭe partopreni niajn kongresojn.

Li sciigas, ke ni interrilatas kun Bulgario, kiu espereble baldaŭ fariĝos sekcio kun plm. 180 membroj.

Speciale la prezidanto bonvenigas la sinjorojn Rummel kaj Mollion. Ili estas tre favoraj al nia movado kaj forte apogas nin.

Bedaŭrinde ni perdis kelkajn anojn pro morto. Ili estas: J.M.Torres el Hispanio, Roosenboom, Verheyen, Westerdijk, van Pul kaj Fernee el Nederlando, Hunarharju kaj Rantamaki el Finnlando, Casini Toni el Italio, Brezol el Francio, Gottfried el Austrio, Bilfeld el Svedio.

Li petas la ĉeestantojn starante memori ilin. Ili ripozu en paco!

La prezidanto esperas, ke la renkonto kun nia movado por la novaj ĉeestantoj estas kontentiga. Kongresoj estas forta stimulo por Esperanto. En la estraro pasintjare ne okazis ŝanĝoj. Li petas ke la delegitoj senskrupule esprimu sin, ĉar la estraro lernas el kritikoj.

Ni bezonas nepre novajn fortojn en nia estraro. Eble Lok restos, sed li bezonas la helpon de juna homo.

La situacio en diversaj landoj restis la sama. Malmultaj volas doni sin tute, ĉar la laboro postulas preskaŭ la tutan liberan tempon.

Granda paŝo antaŭen estas, ke ni baldaŭ povos eldoni la Bultenon presita, dank'al la multaj, kiuj libervole donis monon.

Ĉar la prezidanto regule trastudas esperantajn gazetojn, li scias iom pri la Esperanto-movado. En intelektaj rondoj oni serĉas solvon por la lingva problemo. Diversaj jam venis al la opinio, ke nur Esperanto povos doni la solvon.

Ĝojige estas, ke multaj junuloj partoprenas nian movadon.

Grava problemo por ni estas la Terminaro. Paŝon post paŝo oni tamen progresas. Oni faris multe da laboro en diversaj landoj.

En Jugoslavio oni multe laboras por Esperanto; ĉie en la lando oni havas rezultatojn. Daŭrigu viajn klopodojn en via bela lando. En la historio de fervojistaj esperantistoj vi havis honoran lokon, kaj laŭ la antaŭsignoj vi denove ĝin havos.

Grave estas ke UNESKO akceptis Esperanton. Ni venkos en la estonteco, kaj finfine oni en altaj regionoj akceptos nian karan lingvon.

Per tiuj vortoj mi malfermas la laborkunsidon kaj donas la parolon al s-ro Mollion, prezidanto de FISAIC, la Kultura Asocio Fervojista. S-ro Mollion ĝojas, ke li post la pasinta jaro en Stokholmo, denove estas en nia kongreso, ĉar la kongresojn li taksas tre altaj.

Ankaŭ en Francio okazas regule gravaj renkontiĝoj.

Li salutas ĉiujn landojn kaj havas grandan simpation por la Jugoslavaj amikoj. Kultura Jugoslavia grupo baldaŭ venos en Francio, kaj s-ro Mollion promesas fari grandan propagandon por la grupo.

En la francaj fervojaj gazetoj aperas regule artikoloj en au pri Esperanto. Li esperas ke Esperanto triumfos.

S-ro Rummel, gvidanto de la Germana Sociala Organizo ĝojas ĉeesti.

Via kongreso estas impona, kaj via organizo estas la plej grava el niaj kulturaj organizoj. La aliaj okupas sin pri arto. Via organizo ne nur parolas, sed ankaŭ montras farojn en la vico de sociala laboro.
Ke la kresko ne estas pli granda, ne estas la kulpo de la Sociala Organizo, ĉar ĝi forte apogas vin, sed de la fervojistoj mem. La mondo devas sekvi aliajn vojojn, kaj certe via kara lingvo atingos la celon.

Li laŭdas la estraron, kaj el tuta koro petas daŭrigi la laboron.

Post la du paroladoj la prezidantino de la Jugoslavia sekcio petas la parolon kaj donacas al la edzinoj de la ĉefestraranoj kaj al la edzino de s-ro Mollion belegan donacon.

**Punkto 2 de la tagordo:** Ricevitaj leteroj.
El diversaj landoj kaj de diversaj instancoj venis saluttelegramoj kaj -leteroj. Ĉiuj sendintoj deziras al la kongreso frukte donan laboron kaj bonan sukceson.

**Punkto 3:** Rimarkigoj pri la kongresraporto en Stokholmo.

S-ro Giesner rimarkigas ke li ne trovis en la raporto ion pri sia parolado pri infanrenkontiĝo kaj petas aldoni tion. Post tiu modifo la raporto estas akceptata.

**Punkto 4:** Pritraktado de la jarraportoj.

**a. de la sekretario.**

La Dana delegito Jensen esprimas la ĝeneralan dankon de ĉiuj delegitoj por la klara kaj bonega raporto de Lok.

Aplaŭde la kongreso subtenas la paroladon kaj aprobis la raporton.

**b. de la kasisto.**

Labordus (Nederlando) petas al la sekcioj ke ili sendu la prokrastitan kotizon.
Lok respondas ke entute nenie estas ŝuldo, ĉar ni kun kelkaj havas kontrakton pro malfacilaĵoj rilate pagon.

Giesner en la nomo de la delegitoj laŭdas la kasiston por la bona laboro.

**c. de la redaktoro.**

F-ino Lemonnier (Francio) nur havas laŭdajn vortojn por la pena laboro de la redaktoro, kaj forte subtenas lian peton sendi artikolojn.

Giesner (Germanio) trovas necese ke ĉiu landa sekcio eknomu kunlaboranton, kiu prizorgu ke regule venu artikoloj por Bulteno.

La redaktoro responde diris ke li estis devigata presigi la alarmkrion en la Bulteno, ĉar tute ne venis artikoloj. Ne estas bone ke unu persono plenigas internacian gazeton. Ĝi perdus la internacian karakteron. *Do denove li petas ke oni sendu el diversaj landoj.* Ĉiu kompetentulo sendu minimume unufojon en jaro artikolon. En la diversaj landoj estas abundo da materialo en diversaj gazetoj, kaj traduki ne estas tro malfacile. Li esperas en la estonteco povi eldoni la gazeton kun fotoj. En la venonta jaro la Bulteno aperos en la sama grandeco; poste eble pli grandformata. La alarmkrio jam efikis, ĉar venis jam artikoloj el diversaj landoj. Specialan laŭdon li havas por la sendaĵoj de *eto*, kiu verkis jam multaj artikoloj.

Ni interrilatas kun presisto, kaj baldaŭ Bulteno aperos presita.

La prezidanto post la raportoj laŭdas speciale la laboron dum la tuta jaro de la estraranoj Hoen kaj Drijfhout. Tio ne montriĝas el la raportoj, sed ilia laboro tamen estas tre grava.

**Punkto 5:** Pritraktado de la kongresproponoj.

1) La propono de la ĉefestraro, ke la kotizo restu la sama, estas unuanime akceptata.

2) Propono de la Aŭstra sekcio: eldoni afiŝon kiel propagandon por la deka kongreso kaj pendigi ĝin en la stacidomoj en diversaj landoj.

S-ro Burger klarigas la proponon kaj opinias, ke la afiŝo havos gravan efikon.

Labordus (Nederlando) volonte volas scii precize la celon. En Nederlando oni ĉiujare forsendas en semptembro afiŝon. Li konsilas ke ne tro multe da teksto troviĝu sur la afiŝo, por ke oni povu vidi tuj la tuton.

Giesner (Germanio) samopinias kun Labordus. Sed kio fakte estas la celo. Ĉu ĝi estu por esperantistoj, aŭ por ne-esperantistoj? En la regularo staras, ke ni limigu la partoprenon de ne-esperantistoj.

Burger: La afiŝo aperu antaŭ la aŭtuno por varbi kursanojn.

F-ino Lemonnier demandas en kiu lingvo devas esti la teksto, ĉar ankaŭ ne-esperantistoj ĝin devas legi.

Jensen (Danio): Internacia afiŝo devas esti en Esperanto.

Barnickel (Germanio): Internacie presi estas malfacile, do estas pli bone, ke la landoj prizorgu ĝin. En Germanio oni trovis alian vojon. Ni projektis glumarkojn kun Esperanta teksto. Sed li dubas pri la valoro. Kiu volas viziti la eksterlandon, povas en ĉiu lando fari tion; ĉie ja estas vojaĝasocioj.

De Jong (redaktoro) diras ke la celo devas esti reklamo por IFEF, sed ne estas facile eldoni ĝin. Kiu devas desegni la projekton?

Steiner (Austrio): IFEF eldonu la afiŝon kun adreso de IFEF kaj nur malmulte da vortoj staru sur ĝi. Nur: *Lernu Esperanton, por partopreni la 10an kongreson*. La landaj sekcioj aĉetu la afiŝon de IFEF.

Prezidanto: la estraro opinias ke pli bone kaj pli efike la landaj sekcioj mem povas propagandi. Certe oni renkontas malfacilaĵojn, ĉar en ciu lando la fervojo devas decidi pri la formato. Li malrekomendas kaj proponas voĉdoni. Nur Aŭstrio estas por, do la propono estas malakceptata.

3) Propono de Francio ke ni unufoje en 3 aŭ 4 jaroj kongresu en somero.

F-ino Lemonnier klarigas la proponon. Ĝi celas ebligi partoprenon al la kongreso de tiuj, kiuj pro familiaj cirkonstancoj neniam povas partopreni. La familio certe fariĝos pli entuziasma por nia afero kiam ili vidas nian kongreson.

Barnickel (Germanio) estas kontraŭ la propono pro la fakto ke okazas en ĉiuj landoj ferio-semajnoj. Nia kongreso estas unu el la malmultaj fakaj kongresoj. La malfacilaĵoj en la somero estas tro grandaj.

Burger (Aŭstrio) vizitis ĉiujn kongresojn. Li timas, ke la homoj, kiuj venos kun la tuta familio, tute ne vizitos la laborkunsidojn, ĉar ili jam estos ukupataj, kaj ne povos lasi la prizorgadon de la infanoj al la patrino.

Labordus (Nederlando) proponas provi, sed ankaŭ li dubas pri la sukceso.

Sonderegger (Svisio) estas kontraŭ la propono. Li atentigas pri la regularo, kaj timas ke en la somero nia kongreso estos ĝenata de multaj aliaj kongresoj, kiuj okazas en la somero.

Giesner (Germanio) estas kontraŭ. Oni devas prizorgi la infanojn, kaj ankaŭ la tempo por vojaĝi tute ne taŭgas, ĉar la vagonaroj en la somero ĉiam estas plenplenaj.

Burger (Aŭstrio) Ankaŭ la hoteloj en la somero estas plenplenaj. Tute ne estas bone kongresi en la turista sezono.

Ågren (Svedio) estas kontraŭ; la kongresoj okazu en majo.

Prezidanto: kongresi en la turista sezono ne estas eble. En diversaj landoj oni ne povas gastigi la partoprenantojn, ĉar ĉiu lito jam estas okupita pro turismo. La ĉefestraro tial malrekomendas la proponon.

Sekvas voĉdono. Ĉar nur Francio estas por, la propono estas malakceptata.

**Punkto 6: Estrarelekto.**

La tuta estraro estas aklame reelektata.

**Punkto 7:** Elekto kaskontrol-komitato.

Kiel nova ano en la komitato estas elektita s-ro H.v/d Berg, Nederlando, kiel anstataŭanto de s-ro Boelmans.

b) Elekto Konfliktkomitato.

En la konfliktkomitato - kiu ĝis nun ne laboris - ne venis ŝanĝoj. Ĝiaj mebroj estas: Hartjen (Germanio), Torsted (Danio) kaj Bouwkamp (Nederlando).

**Punkto 8:** Priparolo rilate la estrarŝanĝon en 1958.

Prezidanto: Tute ne envenis sciigo, ke oni volas transpreni nian laboron. Sed la situacio ne povas resti sen ŝanĝoj, ĉar la sekretario havas tro da laboro. En la lasta semajno ni decidis, ke se necese ni devos resti eble ĝis la 11a kongreso. Ni esperas trovi taŭgan helpanton por Lok, inter tiuj, kiuj nun partoprenas elementan kurson.

Jensen (Danio) diras ke tiu punkto estas tre grava. Li deziras ke la estraro restu.

Burger (Aŭstrio) opninias trovi anstataŭantojn por la estraro tre malfacile. Ĉar la estraro ja kolektis spertojn. La vojo devas esti, ke ni trovu iom post iom novajn estraranojn.

Giesner (Germanio) volas aldoni, ke oni ne donu al la landaj asocioj malfacilaĵojn. Preni el la landaj estraroj la fortojn, kiujn nepre bezonas la landaj asocioj, estas danĝere.

Lok (sekretario) La solvo ne estas kompleta, ĉar la afero ne nur temas pri laboro. Li havas tro da laboro, ĉar preskaŭ neniam li estas en la familia rondo, sed ĉiam laboras por IFEF en aparta ĉambro en la subtegmentejo. Sed li klopodos resti ankoraŭ 1 aŭ 2 jarojn. La dua sekretario helpas lin laŭpove, sed ankaŭ li baldaŭ estos pensiumata.
Pli bone estas nun solvi la aferon. La estrarano De Jong certe estas kapabla transpreni la taskon de la prezidanto. La kasisto jam en du ja-

roj ne povis viziti la kongresojn, kaj sekvontjare estas tut same kun la estrarano Drijfhout. Tiam la duono de la estraro estos pensiumita. Tial ni devos nepre kompletiĝi nian estraron per kelkaj junaj homoj.

**Punkto 9:** Elekto de kongresloko en 1958 kaj la provizora en 1959.

Jensen (Danio) havas la honoron inviti la kongreson sekvontjare en Aarhus. Kongresa komitato jam estas elektita. Ni faros nian eblon havi bonan sekvon de la nuna bonsukcesa kongreso. La kongreso akceptas la inviton aplaŭde.

Burger (Aŭstrio) invitas provizore la kongreson en 1959 en Aŭstrio. Ankoraŭ ne estas fiksita la loko, sed verŝajne en Linz.

Ankaŭ tion oni aplaŭde akceptas.

**Punkto 10:** Libera diskutado.

Steiner (Aŭstrio) diras ke la Aŭstria Fervojo organizis pasintjare kun granda sukceso feriosemajnon. Ankaŭ ĉi-jare ĝi faros tion. La semajno estos de la 21a ĝis la 26a de julio en Vieno. La prezo estas tre malalta: nur 10 ŝilingoj. Partopreni povos ne nur ferv.esperantistoj, sed ankaŭ aliaj amikoj. Oni devas baldaŭeble anonci sin.

Li parolas ankaŭ pri la intenco havi en Vieno statuon por D-ro Zamehof LI petas subteni tion.

Daŭrige li atentigas pri la granda valoro de la Esperanto-muzeo en Vieno kaj petas sendi materialon. Li prizorgas ĉion, kaj sendos senpage materialon al landoj, kiuj ne povas pagi.

La muzeo eldonas katalogon. Kiu volas havi ekzempleron, skribu al la Esperanto-muzeo en Vieno.

Pisarov (Bulgario) salutas la kongreson en la nomo de la Esp-movado en Bulgario. La Akademio de Sciencoj en lia lando deklaris ke Esperanto estas altvalora. La Fervojista Esp-movado en Bulgario forte progresas kaj fariĝos post kelkaj monatoj IFEF-sekcio.

Plue li sciigas ke la Radio en Bulgario regule elsendas en Esperanto.

Hogendijk(Nederland) laŭdas la L.K.K. por la bonaj aranĝoj kaj belegaj tagoj. Precipe la Art-vesperoj estis altnivelaj.

Li sciigas ke la konata ferio-semajno en Zwolle denove okazos. Vidu la anoncon en Bulteno.

F-ino Lemonnier (Francio) atentigas ke en la kadro de la U.E.A.-kongreso okazos faka kunveno de IFEF je la 5a aŭ 6a de augusto. Ŝi esperas, ke multaj fervojistoj vizitos ĝin.

Ĝis nun fervojistoj ne sufiĉe vizitis la kulturan domon *Gresilon*. Ŝi petas sendi baldaŭ aliĝilojn kaj propagandi por la afero.

Ne venis ĝis nun sufiĉe da infandesegnaĵoj, kvankam ŝi jam dum du jaroj petis ilin. Ŝi proponas ke la landaj rondoj denove propagandu. Ŝi skribis al diverslandaj instruistoj, sed gis nun ne ricevis sufiĉe.

Nome de la francoj ŝi dankas L.K.K. por la bona organizado. Tuj post alveno ĉiu trovis sian hotelon. Ankaŭ la aliajn aranĝojn ŝi ege laŭdas.

Burger (Aŭstrio) sciigas ke li en Aŭstrio instigis sendi infandesegnojn, sed sen sukceso. Li tamen daŭrigos siajn klopodojn.

Plue li volonte scios, ĉu Lok havas helpantojn.

Lok respondas kaj klarigas al Burger ke li dum du monatoj ricevis 200 poŝtaĵojn. La prezidanto nun prizorgas la gazetarservon. Drijfhout prizorgas aliajn aferojn, sed estas multe kion li mem devas prizorgi. Ni nepre bezonas junan forton; eble en nia kurso en Amsterdam ni havas la ĝustan personon, sed li devos spertiĝi. Li esperas ke en Aarhus ni povos sciigi ke ni solvis la problemon.

Jensen(Danio) petas enpresigi en Bulteno liston de la landaj estraroj kaj la lokaj reprezentantoj, kaj ankaŭ denove eldoni la regularon.

Giesner (Germanio) jam du-foje en kongreso parolis pri infanrenkontiĝoj. La germana sekcio en 1955 kaj 1956 sendis cirkuleron, sed nur kelkaj respondis. Nun ĝi direktis sin al la Germana Sociala Organizo. Tiu permesis ke infanrenkontiĝoj okazu en GEFA-kadro. La dua gvidanto estis esperantisto, sed lastmomente li devis eksiĝi pro deĵoro.
Li esperas trovi sekvontjare modelan formon.

Daŭrige li petas la opinion de la ĉeestantoj, ĉu ni unue estas esperantistoj, aŭ unue fervojisto. Laŭ li unue fervojisto. Esperanto estas la rimedo atingi diversajn celojn. Ni devas propagandi por la disvastigo de Esperanto por atingi nian celon. Artikoloj en Bulteno ne nepre devas esti altnivelaj, ili nur estu bonaj. En Germana *Mitteilingen* por gazetaro regule aperas bonegaj artikoloj. Li promesas sendi tradukaĵojn. Sed ne estas bone, ke publikigas ĉiam la samaj landoj. La redaktoro skribu al la landoj laŭvice.

Li legis en la lasta Bulteno artikolon pri Mosel-kanalo, kiu ne plu estas aktuala. Finante li proponas sendi al UNESKO saluttelegramon.

Ågren (Svedio): En la Stokholma kongreso la jugoslavoj donacis al la L.K.K. belan donacon. Nun la svedoj povas rekompensi kaj donacas al la Jugoslava sekcio belegan vazon faritan en la porcelan fabriko, kiun la kongreso vizitis antaŭan jaron.

La Jugoslava vic-prezidanto dankas tutkore por la donaco.

Zink(Aŭstrio) parolas pri la aŭstra propono en la dua kongreso, uzi esperanton en la fervoja telefon-kaj telegrafservo.
Li deziras al la Jugoslava Esp-movado plenplenan sukceson kaj dankas ilin por la gastameco.

Stojnić (Jugoslavio): Karaj gekolegoj, nur hazarde mi povas partopreni vian kongreson, kaj nun mi multe ĝuas esti en via mezo. La ĝojo esti inter vi kreskas ĉiutage dum la kongreso. Nun mi vidis, ke la daŭrigo de niaj klopodoj dum la ekzisto de la antaŭa organizo A.I.F.E. havis multe da rezultato. Mi dankas vin por via laboro. Forta aplaŭdo.

F-ino Lemonnier (Francio) aprobas sendi telegramon al UNESKO.
Ŝi estas scivola pri la kongresdecido, sendi liston pri rezultatoj, atingitaj dum la ekzisto de IFEF. Francio sendis liston. Ĉu la aliaj faris tion ankaŭ?

Pisarov (Bulgario) obstine silentis ĝis nun por atente sekvi la laboron de la kongreso kaj la paroladojn. Ni nun estas membroj kaj mi rimarkas ke 14 landoj vere kunlaboras por nia paca idealo. En mia lando mi proponos grandskale propagandi por nia movado, ĉar laboro por la paco estas grava.

De Jong (redaktoro) voĉlegas la tekston de la telegramo al UNESKO:

*La fervojistaj esperantistoj el 14 nacioj, kunvenintaj en la 9a Internacia Esperantista Fervojista Kongreso en Rijeka, sendas al UNESKO salutojn kaj bondezirojn, sciante ke ankaŭ la Esperanto-movado kunhelpas realigi la celojn de UNESKO*.

La redaktoro respondas Giesner. Prave li diris ke ni bezonas artikolojn el diversaj landoj. En Germanio oni jam trovis la vojon. El ĉiu lando oni minimume 1 aŭ 2-foje jare sendu kontribuaĵon por Bulteno. Sekvu la ekzemplon de ( -eto ), kiu jam ofte sendis valorajn tradukaĵojn. Pri la artikolo de Mosel-kanalo li klarigas ke li samtempe ricevis plurajn artikolojn el Germanio, kiujn li presigis en sin sekvaj bultenoj. Pro tio la koncerna artikolo perdis sian aktualecon. Li petas senkulpigon pro tiu eraro.

Li promesas, ke li denove enpresigos en Bulteno liston de lokaj reprezentantoj.

Laŭdajn vortojn li direktas al la geedzoj Hilkersberger en Landeck, Aŭstrio, kiuj havas tie junularan domon, kaj multege propagandas por Esperanto inter la junularo. Jam 60.000 estis en la domo, kaj tiel la propagando, kiun faris Hilkersberger, estas tre grava.

Lok respondas f-inon Lemonnier. Nur kvar landoj respondis la alvokon pri sukcesoj dum la ekzisto de IFEF. Li esperas ricevi pli da informoj kaj poste publikigos ilin en Bulteno.

De Jong aldonas, ke ni per tio povos montri nian ekzisto-rajton.

Stapel (prezidanto) respondas la parolintojn. Li subtenas Hogendijk pri danko al L.K.K. kaj propagando por la ferio-semajno en Zwolle. Al f-ino Lemonnier pri faka kunveno en U.E.A.-kongreso. Ŝi gvidu la aferon. Ni povos atentigi pri tio en Bulteno de junio.

Pri infandesegnoj oni klopodu en la diversaj landoj ricevi materialon por sukcesplena ekspozicio.

Estas strange, ke oni ne atingis rezultaton rilate infanrenkontiĝo. Li esperas ke tio sukcesos sekvontjare.

Li rekomendas *Gresilon*, kiun oni sendube ankaŭ povas viziti kun infanoj.

Stojnić honoris nin. Ni tre ĝojas pro tio, ĉar li estas pioniro el la iama A.I.E.F. kaj jam en 1908 laboris por nia movado.

Ni ĝis nun atingis rezultatojn, kiujn ankaŭ montris Barnickel kun la faldprospekto. Ni jam havas multajn, kaj el tio montriĝas la graveco de Esperanto.

Generale malmultan rezultaton ni atingis ĉe la sindikatoj, kie oni ne volas okupi sin pri Esperanto.

En la estraro ni decidis dividi la taskojn jene:
Stapel prezidanto, De Jong vic-prezidanto kaj redaktoro, Lok sekretario Biesheuvel kasisto, Hoen helpredaktoro, Drijfhout asesoro.

Ankoraŭ vakas la funkcio de 2a sekretario, sed ni esperas ke ni povos prezenti en Aarhus novan funkciulon.

Nia Bulteno ne estas tiom granda kiom la iama de A.I.E.F. Tre singarde ni komencis; baldaŭ ĝi estos presita.

Li petas al la landaj asocioj sendi regule 6 ekzemplerojn de sia bulteno al la estraro, por ke ĉiu estrarano estu informita pri la akti-

veco en la diversaj landoj.

Al la Danoj li petas sendi la kongreslibron minimume unu monaton antaŭ la kongreso, por ke la partoprenontoj antaŭe povu trastudi ĝin. Tio nun ne estis ebla, malgraŭ ĉiuj zorgoj, kiuj L.K.K. faris.

Estas tre grave, ke la nuna kongreso estas vizitata de tiom multaj junaj homoj.

La granda kvanto de ricevitaj salutleteroj estas por ni pruvo, ke spirite travivas kun ni ĉi tiun belan kongreson, multaj amikoj, kiuj pro tro granda distanco aŭ alia motivo, ne povas persone ĉeesti.

Amikoj el Australio, Usono, Japanio, Hispanio ktp, kiujn ni de ĉi-tiu loko plej kore salutas.

Montriĝis denove, ke estas nepre necese kongresi ĉiujare, ĉar tio estas granda stimulo por nia movado.

Per tiuj vortoj li deklaras la laborkunsidon fermita.

Protokolis E. Drijfhout.

## KUNSIDO DE LA TERMINARA KOMITATO

Ĉar la gvidanto de la T.K. ne partoprenas la kongreson, estrarano De Jong akceptas la gvidon de tiu ĉi kunveno.

Li bedaŭras ke pro faka studado s-ro Ritterspach ne povas ĉeesti, des pli ĉar tio signifas nova stagno en la Terminara laboro.

En ĵus ricevita letero s-ro Ritterspach certigas, ke post farita fakekzameno, li povos en aŭtuno daŭrigi la en Stokholmo akceptitan taskon. Antaŭprepare li studas la fakterminaron de U.I.C. pri trafiko, financaferoj, kaj likvido (1956). La sistemo kaj enhavo de tiu kvarlingva terminaro ŝajnas al li tre taŭgaj kiel modelo por nia laboro.

De Jong esperas, ke s-ro Ritterspach baldaŭeble rekomencos sian gvidan taskon en la komitato, por ke en la sekvonta jaro li povu gvidi la kunvenon, kaj efike interrilati kun la landaj kunlaborantoj.

La IFEF-estraro bedaŭras, ke la Akademio riproĉis al la T.K. ke ĝi malprave uzis neologismojn el la Suplemento de la Plena Vortaro, dum s-ro Blondeaux neniam ricevis respondo al sia demando: ĉu la uzo de tiuj neologismoj estas rekomendinda. Pri tiu afero s-ro De Jong interrilatis kun nederlanda Akademiano Faulhaber, kaj li esperas ke rezulte de tio s-ro Blondeaux havos respondon al sia demando post ne tro longa tempo.

Envenis la raporto de dana komitatano s-ro Christoffersen, kiu detale raportas pri la multa laboro jam farita. Li aludas ankaŭ malfacilaĵojn, kiuj klare montras ke la gvidanto nepre devas baldaŭ rekomenci sian taskon. Laŭ la opinio de Christoffersen, oni ne bezonas en la Terminaro vortojn, kiel : gajno, salajro, karbo, bolto kaj multaj aliaj, car tiuj jam estas troveblaj en ĉiuj vortaroj. Ni ne plenigu nian Terminaron per vortoj, konataj jam de ĉiuj esperantistoj.

Li bedaŭras, ke la nova gvidanto ne havis tempon por respondi al liaj demandoj kaj sugestoj, sed malgraŭ tio la danaj kunlaborantoj daŭrigas sian taskon. Li admiras la laboron de s-ro Blondeaux, kaj liaj helpan-

toj. Post ĉi tiuj enkondukaj vortoj De Jong petas al la ĉeestantoj raporti pri la farita laboro kaj esprimi sian opinion pri la laboro farenda.

S-ro Barnickel (Germanio) opinias ke mankas sufiĉe da spertaj kunlaborantoj en la komitato. Li deziras ke la Terminaro estu perfekta, ĉar alie fakuloj mokas nian laboron. Li proponas unue eldoni tradukon de la de Ritterspach aludita ekzemlero de U.I.C. Li havas kontakton kun Ritterspach, kaj li estas preta helpi lin en lia tasko.

Thorsted (Danio) raportas ke la traduko en dana lingvo de la vortaro Blondeaux jam estas preta. Li bedaŭras ke s-ro Christoffersen, kiu faris tiun ampleksan laboron, ne povas ĉeesti pro malsano.
Por multaj esprimoj ili ne trovis taŭgan danan vorton, ĉar temis pri en Danio nekonataj iloj kaj aparatoj.

S-ro Blondeaux (Francio) atentigas ke la libro de U.I.C. enhavas nur trafikajn esprimojn. Antaŭ kelkaj jaroj en Lindaŭ ni elektis kiel bazon por nia Terminaro la *Lexique Technique Ferroviaire*. Li volus rekomendi al s-ro Ritterspach daŭrigi laŭ tiu vojo, kaj ne okupi sin pri io tute alia. Responde al la vortoj de s-ro De Jong li povas aldoni, ke li ricevis la sciigon ke li tro uzis neologismojn. La neologismojn li ĉerpis el la Suplemento de Plena Vortaro. Montriĝis, ke tiuj vortoj estas kondamnitaj de unu Akademiano, kvankam alia Akademiano uzas ilin. Kion nun fari. Ŝajnas necese ke ni serĉu kontakton kun U.E.A. kaj SAT, por ekscii kiujn esprimojn ni povas senkritike uzi.

Ni povas kritiki la agojn de la Akademio, sed tio havos malmultan utilon. Ni do daŭrigu nian vojon, kaj atendu riproĉojn. Estontece ni uzu neologismojn nur en okazo de nepra bezono. Kun s-ro Ritterspach li havis bonan kontakton.

Labordus (Nederlando) sciigas ke en Nederlando la laboro bone progresas. Unue ili uzis slipojn, nun listojn kun la terminoj. Tiuj cirkulas inter la anoj de la komitato.
Li konstatis, ke Ritterspach ŝanĝis esprimojn el la vortaro de Blondeaux. Tio multe malfaciligas la laboron por la komitatanoj.
Li ricevis neniun sciigon pri la stagno en la laboro de Rittespach.
En Stokholmo tiu promesis, ke post 3 monatoj la laboro estos preta, sed ĝis nun li nur ŝanĝis la esprimojn, proponitajn de la francoj. Se li daŭrigos en tiu maniero, la nederlandanoj faris vanan laboron.
Malgraŭ tio ili daurigos sian taskon, kaj eble eldonos vortaron Esperanta-Nederlanda, ĉar la fervoja administracio bonvolas pagi la presadkostojn.

Ågren (Svedio) raportas ke en svedio la laboro malmulte progresas, ĉar nur Ortengren okupas sin pri la laboro. Ĝis nun li tradukis 200 terminojn. Nun oni elektis specialan komitaton konsistantan el la kolegoj Ortengren, Lindström, Bengtzen kaj Hjalmar Olsson, kiuj intencas akceli la laboron. Ili bezonas pli da ekzempleroj de la franca eldono kaj poste la komitato streĉe eklaboros.

La prezidanto dankas la komitatanojn pro la donitaj informoj. Kun ĝojo li konstats, ke tamen en la diversaj landoj la laboro progresas, dank'al la sindonemo de la kunlaborantoj. Ili disponis sian tempon kaj

energion por tre malfacila tasko, kaj tial plene meritas la dankon de nia tuta movado. Kun tiaj kunlaborantoj la afero ne povas fiaski.

Li bedaŭras, ke ĉi tiu kunveno ne povas fari definitivajn decidojn, ĉar mankas la gvidanto de la komitato. Tial li afable petas al s-ro Barnickel interrilati kun s-ro Ritterspach kaj rekomendi al li:

1 Kompletigi la laboron sur bazo de Lexique Technique Ferroviaire.
2 Ne ŝanĝi nur laŭ propra gusto la esp-esprimojn en la vortaro Blondeaux.
3 Uzi neologismojn nur en okazo de nepra bezono, aŭ por eviti monstrajn vortojn.

Li esperas ke Ritterspach baldaŭ rekomencos la laboron. Intertempe la landoj, kiuj ankoraŭ ne plenumis sian taskon, povos daŭrigi, kaj la aliaj povos kontroli kaj eventuale revizii la faritan laboron.

Li voĉlegas leteron el Budapest, kiun kunportis al la kongreso s-ro D-ro Baĉkay, kaj el kiu montriĝas ke en Hungario estas jam preta grandega kvanto da vortoj kaj esprimoj uzataj en fervoja trafiko.

Al s-ro Ritterspach li forte rekomendas interrilati kun la aŭtoro de tiu verko (atentu leteron en Novembra numero), kaj atentigas ke ankaŭ la baldaŭ aperanta vortaro de inĝeniero Haferkorn sendube povos esti utila al ni. Li dankas ĉiujn ĉeestantojn, ke ili tiom serioze konsideras tiun ĉi aferon, kaj esperas ke en la sekvonta kongreso en Aarhus ni denove vidos la konkretan rezultaton de ilia agado.

Dezirante al la komitatanoj persistemon kaj sukceson en la tasko, li fermas la kunvenon.

Raportis E. Drijfhout.

## KASTELO GRESILLON

### BAUGE (MAINE ET LOIRE)

Ĉi tiun jaron la programo de la someraj kunvenoj estas la jenaj:

1/6 - 14/7 : Renkontiĝoj - Kursoj por komencantoj - Bindkursoj - Feriaj restadoj k.t.p.

14/7 - 24/7: Sensacia internacia renkontiĝo kun eminentaj samideanoj: D-ro Lapenna, Prof. Waringhien, Inĝeniero Watier, D-ro Albault k.t.p.

25/7 - 10/8: La franca lingvo instruata al diverslandanoj pere de Esp.

10/8 - 31/8: Somera lernejo - Kursoj por komencantoj kaj progresantoj.

Fervojistoj, memoru ke la Kastelo Gresillon estas propraĵo de la Esperantistoj, kaj helpu ĝin daŭre prosperi.

F.F.E.A.

## LA 42a UNIVERSALA KONGRESO EN MARSEILLE

Okaze de la U.E.A. kongreso en Marseille la franca sekcio de IFEF organizos fakan kunvenon al kiu ĉiu fervojista kongresano estas invitata.

Laŭ la klopodoj jam faritaj ĉe L.K.K. la kunveno okazos la 5an aŭ 6an de augusto.

En la programo ni antaŭvidas la viziton al la turniĝanta ponto de Caronte, se la nombro de partoprenantoj estos sufiĉa.

La tagordo de la kunveno estas diskutita dum la Rijeka kongreso.

La landaj sekcioj estas invitataj propagandi pri tiu kunveno.

F. F. E. A.

## NI GRATULAS

La 22an de marto 1957 naskiĝis en la familio de niaj tre ŝatataj *gesamideanoj Dipl. Inĝ. Friedrich kaj Doktorino Josefine Tschom* ĉarma filineto: Isabella.

Al la feliĉaj gepatroj la tutkorajn gratulojn kaj bondezirojn nome de la ĉefestraro kaj membraro de IFEF.

*Samideano Tschom estas la estro de la Austria Fakgrupo.*

## KORESPONDPETO

Fervojista *esperantista rondo* ĉe la *stacio* Duisburg - Wedau, Germanio, deziras korespondadon kun kolegoj eksterlandaj (ankaŭ kun filatelistoj). Skribu multnombre al: Petro Hermanns, Zur Wolfskull 43, Duisburg - Wedau, Germanio.

## SUKCESPLENA AGADO DE DEFA

Kiel rezultato de la agadoj de Dana Esperanta Fervojista Asocio, la danaj ŝtatfervojoj (DSB) eldonis luksan broŝuron kun belegaj fotoj, pri dudek malmultekostaj rondvojaĝoj tra Danlando. La 24-paĝa libro enhavas apartan esperanto-folion kun klarigoj kaj kondiĉoj por la vojaĝoj.
Por ricevi ĉi tiun belan eldonon, kiu estas rekomendinda speciale por niaj anoj, kiuj intencas viziti la kongreson en Aarhus, oni turnu sin al Charles V.Jensen, Skernvej 2, Aarhus, Danlando. Aldonu respondkuponon.

Por faciligi al DEFA estontan laboron tiurilatan ni emfaze rekomendas skribi dankleteron al DSB, reklameafdelingen Solvgade 40 Kobenhavn.

Krom tio niaj danaj kolegoj sukcesis eldonigi jam nun belegan prospekton pri la sekvontjara kongresurbo Aarhus. La teksto de tiu belkolora juvelo estas tute en Esperanto.
Ni gratulas niajn danajn kolegojn pro ambaŭ valorplenaj sukcesoj.